# THE BRITISH ESPERANTIST

*with which is incorporated*

**INTERNATIONAL LANGUAGE**

Vol. XXXII, No. 418 — February, 1940

# I.E.L. KOMENCAS NOVAN JARON

Neniu povas bedaŭri la forpason de la jaro 1939. Ĝi estis jaro, en kiu venis krizo post krizo, ĝis en Septembro fine eksplodis la milito, kiu dum tiom da tempo nin minacis. Por ni Esperantistoj ĝi estis aparte malbona, ĉar en ĝi malaperis nia movado en la cetera parto de Ĉeĥoslovakujo, en Polujo, kaj en Hispanujo ; kaj fine de la jaro ni vidis danĝeron por ĝi en Finlando. Ni esperu, ke en 1940 venos la sopirata paco, kaj ke post ne longe ni povos denove bonvenigi en niajn vicojn la dumtempe perditajn amikojn.

Por I.E.L. la jaro estis plena de malfacilaĵoj. La krizo en la printempo malhelpis la varbadon de membroj, ne nur por I.E.L., sed ankaŭ por la Berna Kongreso : kaj kompreneble tio malbone influis niajn enspezojn. Poste la milito necesigis la nuligon de la aranĝoj por la Kongreso de 1940 en Marseille, kaj ĝi malhelpis ankaŭ la sendon de kotizoj el kelkaj landoj.

Malgraŭ tio, de la financa vidpunkto 1939 estis nia plej bona jaro ĝis nun. La kontoj publikiĝos en la jarlibro ; sed ni povas diri jam nun, ke kvankam okazis deficito, ĝi estis multe pli malgranda, ol en antaŭaj jaroj. Aliflanke, dank' al centoj da samideanoj, kiuj helpis al ni per donacoj grandaj kaj malgrandaj, kaj per aĉeto de kuponlibretoj, la sumo de la deficitoj malpliiĝis je £143. La listo estas multe tro longa por publikigo ĉi tie, sed ni sincere dankas al ĉiu aparta helpinto.

Ĉi tie estas oportuna loko mencii, ke S-ro T. J. Gueritte ĵus denove helpis al ni per nova donaco (£50) por la forigo de la deficito. En sia letero li esprimis la esperon, ke ankaŭ aliaj helpos tiucele. Ni tute ne deziras ĉiam peti donacojn ; tamen ĉiu konsentos, ke estos ĝojiga tago, kiam tiu nubo estos forpelita.

Tamen, eĉ en la nunaj grizaj tagoj, ne necesas malesperi. Kvankam ni portempe perdis membrojn en kelkaj landoj, aliaj jam komencis plenigi la truon. Ni ŝparas en la oficejo laŭ ĉiu eblo, kaj ni opinias, ke eĉ en la nuna jaro la rezulto estos kontentiga. La unua parto de la jarlibro aperos en Marto, kaj niaj gazetoj daŭre aperadas regule. Ni certe ne nur konservos la organizaĵon, sed eĉ esperas ĝin plibonigi, kondiĉe, ke niaj membroj restu fidelaj.

Fine, ne forgesu, ke pli ol io ajn la milito montros la neceson por internacia lingvo. Nur Esperanto kapablas plenumi tiun rolon. Sed ĝia sukceso dependas plejparte de la Esperantistaro mem. Se ni daŭrigos la laboron kaj ne perdos la kuraĝon, la sukceso tiel longe sopirata estas certa. Faru novjaran decidon, ke vi ne nur restos fidela, sed ankaŭ klopodos ĉiumaniere pligrandigi niajn vicojn.

C. C. G.

---

# ESPERANTO KAJ LA INFANARO

En la nuna tempo, kiam la plenkreskuloj sin okupas pri milito kaj ekstermado, ni turnu nin al la infanoj. Jam longe ni entuziasmiĝis pri la devizo *Esperanto en la Lernejon* ! Sed la vojo al Tipperary estas longa !

Kiam mi estis infano, mi kontaktis kun diversaj grupoj infanaj : dimanĉlernejo Kristana, grupoj Ruĝkruca, Abstina, Skolta. Ni organizu similan infanan movadon por Esperanto. Oni jam faris provojn en

diversaj landoj, sed ne metode kaj grandskale. Jen do devizo por 1940:

*En ĉiu Grupo estu Sekcio Infana!*

Ĉiu Esperanta grupo aranĝu almenaŭ unu kurson por infanoj, kaj poste el tio starigu infanan sekcion de la grupo.

Se oni tion faros tutmonde, post kelke da jaroj ni disponos junan gvardion, kiu gvidos la movadon al venko. Kiel pli bone uzi la tempon de milito, ol kreante firman bazon por la venonta tempo de paco? *La Junularo estu nia!*

### KIEL ORGANIZI INFANAN SEKCION

(1) Elektu malgrandan komitaton por prizorgi la aferon.

(2) Varbu (ni diru) 10 infanojn 11–14-jarajn: antaŭ ĉio la infanojn de Esperantistoj.

(3) La sekcio havu apartan nomon. Ekz., "Amika Rondo". (Infano amas sin senti membro de aparta grupo!) Ne postulu kotizaĵon.

(4) La Rondo kunvenu ĉiusemajne: eble en la klubejo, eble en la hejmo de komitatano. Iu komitatan(in)o estu la Gvidanto.

(5) Specimena kunven-programo. (*a*) Kanto (nacia kanto Esperantigita). (*b*) Instruo 30-minuta, laŭ la plej taŭga lernolibro, aŭ laŭ porinfana apliko de metodo Cseh. La grupo provizu senpagajn librojn por la rondo. (*c*) Interesa rakonto nacilingva pri alilandaj infanoj, a.s. (*d*) Kanto. (*e*) Korespondo. Filatelio.

(6) La kunveno daŭru 1½ horojn maksimume. Ĝi ne okazu tro malfrue (plendos la gepatroj). Se ĝi estos interesa kaj alloga, la infanoj mem ĝin reklamos inter siaj kamaradoj.

(7) Starigínte infanan kurson aŭ rondon, sendu detalojn al I.E.L. Diru vian plenan adreson; ankaŭ ĉu vi deziras korespondi, kaj kun kiuj landoj.

En la fino de 1940 mi konstatos, kiu lando plej lerte kaj multnombre aranĝis infanajn rondojn.

E. MALMGREN,
*Vicprezidanto de I.E.L.*

---

# FURTHER HOLLYWOOD SUCCESS

## FIRST ESPERANTO FILM SONG

In the new film, *The Road to Singapore*, by Paramount, Bing Crosby and Dorothy Lamour are stranded on a tropical island. To overcome certain technical questions of location, the scene is staged on an anonymous south sea island, and Film Director Harlan Thompson and the famous American song-composer Johnny Burke adopted the suggestion of using Esperanto for a dance song, which will be sung by Bing Crosby and Dorothy Lamour, supported by 100 actors and actresses.

The words of the Esperanto text were written by Mr. Joseph R. Scherer, the indefatigable President of E.A.N.A., to whose initiative we owe this further success of Esperanto in Hollywood.

*The Road to Singapore* is the third Hollywood film to use Esperanto, and its featuring the language in a central song marks a great step forward. Success is due to the large volume of congratulations Metro Goldwyn Mayer received in response to their use of Esperanto in *Idiot's Delight.* Following upon the M.G.M. experiment, R.K.O. used the language in *Conspiracy*, released in London in January.

Now Paramount has followed suit in an even better way. Let us see that a far greater number of congratulations reaches *Director Harlan Thompson, Paramount Studio, Hollywood, California, U.S.A.*

## "PICTURE POST" MANAGING DIRECTOR AND ROLE OF WORLD LANGUAGE

In an article "Educate our Children", in "Picture Post" (2 December), Mr. Edward Hulton, the Managing Director of that interesting and widely-read illustrated weekly, wrote: "In future times, those who cannot speak a world language as well as their own, must be shunned as bad citizens". Since then Mr. Hulton has favoured us with the following further expression of his views for publication in our columns:—

*I consider that a world language is necessary, and that the compulsory teaching of one should be encouraged in all schools. It should eventually be an obligatory subject in all examinations, ranking equally with essential subjects such as the national languages and mathematics.*

*The possession of a common second language would mark a great step in the advance of mankind towards world citizenship and everything possible should be done to bring this about.*

---

**Esperanto in Public Libraries.**—A member writes that several books in or about Esperanto are in the County Library, Maidstone; and may be borrowed through affiliated Branches in other towns. He repeats the advice we have so often given, that Esperantists should ask for Esperanto books at their Public Library. A Library is usually very ready to procure books for which a demand is shown. If the books obtained are used, the Library will be encouraged to get still more.

**Korespondo alilanden.** — Rilate la artikolon "Foreign Correspondence" (p. 146), leganto atentigas, ke la malpermeso pri sendo de presaĵoj ne estas aplikebla al Francujo, nek al Norda kaj Suda Ameriko.

# ESPERANTO AND THE STAGE

Bristol is unique in our movement in supporting a keen band of amateur players; who are actively developing and fostering a technique of Esperanto plays and comedies, and breaking new ground on a subject that up to the present seems to have been too much neglected.

Really worth-while plays in Esperanto have a much wider value than is realized. An effective play is the best means of securing a "good press" and the attendant local propaganda; while as a means of attracting members, and making learning interesting to new students, the glitter of the footlights and the glamour of rehearsals and productions are unsurpassed.

From a psychological point of view, too, this teaching method is sound. In Bristol we have had young students learning and speaking long lines of difficult verse (*e.g.*, Shakespeare) without a knowledge of the language; nevertheless, with careful schooling in the pronunciation, and with the help of literal translations supplied by the producer, they have given fine performances of tricky parts. When the time came for them to learn in classes the elements of the language, they were in the possession of a good pronunciation and an enormous amount of memorized "word-material", which they rapidly learnt to manipulate effectively once they had mastered the grammatical rules.

This system is in accordance with the "direct method", and we have found that it completely avoids that dull period of learning which sometimes sets in after the first enthusiasm of a new student has evaporated.

Apart from its pedagogic and propaganda value, we have found the new technique rapidly developing into an art form that is as original as it is effective. By means of "laboratory plays" or experimental dramas we have started to find the principles of dialogue and situation best adapted to this new form. Some of these principles are dictated by the circumstances under which Esperanto plays are usually produced, and others seem integral in the form itself.

For instance, in the average group meetings and smaller conferences it is often difficult to secure efficient drop curtains, tableau curtains, or "black-outs", to end a scene decisively.

This means that we must retrace our steps from the modern theatre to an Elizabethan technique in which there are no curtains, and the actors end the scenes by walking from the stage, "carrying their dead" if necessary.

An example of this was seen in the recent production of *Maria Marten* at the B.E.A. Congress in Weston-super-Mare. The original script ended all scenes with a climax-speech and a black-out. This was found impracticable on the Town Hall stage, and in the Monday production all characters made sweeping exits at the end of each scene, although in one instance this meant that Corder carried the body of Maria Marten to the security of the adjacent wings for burial (I wonder how many of you noticed this)!

Another important point is that of *tempo*, or speed of action and dialogue.

At first sight it would appear that this is quite simple—one merely adopts a slow *tempo* for quiet and pathetic scenes, and a quick one for the more dramatic passages.

In practice it is more complicated; because in Esperanto important dialogue must be taken slowly to ensure that even beginners understand it; while the general action must be kept moving swiftly to retain the interest of the more advanced spectator. This is done by "fading back" certain unessential parts of the dialogue, while more important business or dialogue is being enacted on another part of the set. This is particularly the case in handling large crowd scenes, and in modern "cross-fire" dialogues, in which several people are talking at once. Tempo also plays an important part in setting the emotional tone of a scene, and in marking the transition from one mood to another.

Deliberately ungrammatical forms are, of course, sometimes used for characterization, as in *Ĉeĥoslovaka Porko*, but we avoid this as much as possible in view of the misconceptions of embryo Esperantists, who are prone to make the current play a guide to their own conversation.

The whole subject of Esperanto plays is hedged about with bewildering ramifications, especially when the parallel problem of microphone plays, on which we are now engaged, is taken into consideration.

An important point seems to be the difficulty of just mechanically adapting existing Esperanto works to the stage. This is rarely a success.

The medium—to achieve its full expression—seems to need a specialized form of writing deliberately planned with a full knowledge of the many different factors of presentation encountered in even the simplest play or sketch. We can only venture to hope that we are slowly acquiring this quality.

In a later article I should like to tell you something of the practical difficulties that confront an amateur producer, and how they can be overcome.

FRANK BUCKLEY,
(*Director of Entertainment, B.E.A. Congress*, 1939).

---

# CORRESPONDENCE

**A.R.P.**—Probably many A.R.P. wardens are bored stiff in a post with nothing to do, and I think that a few Esperanto keys might here fall on fruitful ground. As a special constable, I always carry a key or so, and give one to any warden who looks bored, and is of the type that might be interested.—EDGAR REEKS.

**Federa Unuiĝo.**—*Kontraŭ nia regulo ne atenti anonimajn leterojn, ni presigas la jenan (mallongigitan), ĉar ĝi povas voĉi la sentojn de pluraj membroj. La aludita artikolo aperis pro tio, ke la temo estas aktuala, kaj intime tuŝas nian movadon. Ni ne intencas malfermi diskuton pri la meritoj de federa unuiĝo* (Red.).

I was surprised to see so much space devoted in the last B.E. to the federal union scheme. From Versailles onwards, nation-states have flouted the desire of their peoples for world peace, and are no more converted to the idea of effective world union now than in 1918. National Governments have a lot to lose through the establishment of a world authority. That an Esperanto journal should advertise a world union scheme which is less than lukewarm on the subject of Esperanto, is very difficult to understand.

**Members and Fellows.**—Where is that postcard photo of yourself which you intended to send to the B.E.A. Library?

## AKADEMIANO WILLIAM BAILEY

We are honoured to announce that Mr. Bailey has agreed to send us occasional notes on linguistic matters. These will appear as space permits. Whether the particular point dealt with is important, or seemingly trivial, readers may be certain that the information given is 100 per cent. trustworthy.

Mr. Mason Stuttard recently wrote: "En la mondo Esperantista W. Bailey estas unika. Li kunmetis konkordancon pri la Zamenhofa verkaro, kio ebligas al li respondi aŭtoritate ĉiun demandon, kiu tuŝas la stilon kaj uzadon de Zamenhof. Li agas ne sintrude, ne dogme, sed kun la certeco de homo, kiu scias la veron laŭ Zamenhof. Li staras kiel la plej alta aŭtoritato pri la Zamenhofa sistemo, kaj neniu povas ĝuste taksi la valoron de lia laboro. Li estas unu el niaj vere eminentaj samideanoj; sed tiel nesintruda kaj modesta, ke li estas konata en nur malvasta sfero" (mallongigita).

Like many other learners, I owe him gratitude for help of inestimable value freely and continuously given. He himself writes: *"I have never claimed to be able to write perfect-style Esperanto. The best that I aim at is to follow the model style of the author of the language, and to advise other Esperantists to do the same."* In the words of the Boulogne Declaration: "Estas rekomendinde imitadi kiel eble plej multe tiun stilon, kiu troviĝas en la verkoj de la kreinto de Esperanto, kiu la plej multe laboris por kaj en Esperanto, kaj la plej bone konas ĝian spiriton."

Many stories, true or false, are current concerning Mr. Bailey's encyclopaedic knowledge. It is rumoured, for example, that he has produced various retranslations of *La Batalo de la Vivo* as Zamenhof would have written that work in various years of his life. It is probably true that he knows every variation, to the last comma, in every edition of the *Fundamenta Krestomatio* and all of Zamenhof's works, and can state whether the change was intentional or erroneous. Certain it is that he is a living concordance of Zamenhof's works, and can say exactly how often Zamenhof used a certain word or expression, and when he used it first, or ceased to use it, and why. His critical notes on the *Originala Verkaro* (*Revuo Orienta*, Marto-Dec., 1937) are an example of valuable work of which only he (and perhaps our friend Naokazu Kawasaki—the Japanese Bailey—would be capable.

M. C. B.

## APOZICIO, SIGNITA PER STREKETO

D-ro Zamenhof ofte esprimis per intermetita streketo la apozician rilaton inter du substantivoj. Jen sekvas ekzemploj:

(*a*) **O-O**

**adverbo-prepozicio,** L.R. 76/8, 19, 28. **blindulo-maljunulo,** V. 247/34. **botelo-ventrulo,** Rev. 36/3. **bubo-bravulo,** F.K. 120/33. **cikonio-patrino,** Fab. I. 132/10, 34, 38; 133/19; 135/37. **cikonio-patro,** Fab. I. 132/13; 133/39. **edzino-anĝelo,** P.E. 752. **fratino-virgulino,** Lev. xxi. 3. **frato-kamarado,** Rev. 83/12. **frazeologio-proverbaro,** V. 53/32. **gento-mastro,** L.R. 41/22. **homo-infano,** V. 389/31. **homo-viro,** V. 389/31. **inĝeniero-teĥnologo,** Esp. 1895, p. 12. **juĝisto-hundisto,** Rev. 83/32. **kamarado-rabisto,** Rab. 84/31. **libristo-eldonisto,** M. 149/11, 27; 150/5. **limako-patrino,** Fab. II. 152/38; 153/18, 33; 154/8. **limako-patro,** Fab. II. 152/37; 153/6, 12. **lingvo-tradukilo,** V. 145/1; 161/11. **mondo-tero,** Sent. viii. 31. **moralisto-konscienco,** Rab. 99/20. **paĉjo-saliko,** Fab. III. 60/5; 63/30; 66/34. **panjo-sambuko,** Fab. III. 60/5; 63/30. **participo-substantivo,** L.R. 66/19. **pastro-dekano,** Esp. 1894, p. 42. **patrino-naturo,** M. 186/28. **patrino-ŝuistino,** Fab. II. 98/12, 35. **patro-monaĥo,** Rab. 68 ĝis 74 ofte. **Petro-ludisto,** Fab. II. 85/15; 96/36. **reĝo-venĝonto,** Hoŝ. x. 6. **strigo-patro,** Fab. III. 37/7. **urbo-premanto,** Cef. iii. 1. **virgulino-filino,** Plor. i. 15; ii. 13. **virtulo-servanto,** Jes. liii. 11.

Rimarku precipe la esprimon **urbo-premanto** (Anglalingvaj tradukoj: *the oppressing city*); **urbopremanto** povus (almenaŭ ĉe la unua rigardo) supozigi la sencon *homo, kiu premas urbon*, konforme al la senco de **urboreganto** (Jeĥ. xxiii. 6, 12, 23) kaj aliaj tiaj esprimoj.

(*b*) **OJ-OJ**

**bestoj-virinoj,** Esp. 1894, p. 153. **bestoj-viroj,** Esp. 1894, p. 153. **buboj-fantaziuloj,** F.K. 269/22. **burĝoj-patricioj,** R. de B. 6/3. **folietoj-prospektoj,** Esp. 1893, p. 21. **fratoj-slavoj,** Esp. 1895, p. 48. **gentoj-fremduloj,** L.R. 41/22. **gentoj-mastroj,** V. 356/8. **gentoj-servantoj,** V. 356/8. **hindoj-buddistoj,** F.K., 191/13. **instruituloj-teoriuloj,** Esp. 1895, p. 36. **knaboj-paŝtistoj,** Jer. xlix. 20; L. 45. **kripluloj-maljunuloj,** M. 42/4. **laboristoj-fosistoj,** Esp. 1895, p. 28. **naciistoj-ŝovinistoj,** V. 350/6. **servantoj-kuracistoj,** Gen. L. 2.

(*c*) **ON-ON**

**birdon-virinon,** Esp. 1892, p. 23. **bruston-levataĵon,** Lev. vii. 34. **junulon-servanton,** II. Sam. xiii. 17. **libron-rulaĵon,** Jer. xxxvi. 2, 4. **servanton-markoton,** Zeĥ. iii. 8. **ŝultron-oferdonon,** Lev. vii. 34.

(*ĉ*) **OJN-OJN**

**fadenetojn-sulketojn,** M. 168/13. **pestojn-japanojn,** Esp. 1895, p. 43.

(*d*) **O-OJ**

**feniko-hebreoj,** F.K. 264/7. **komizo-vojaĝistoj,** Esp. 1895, p. 31.

(*e*) **OJ-O**

Ne uzita de Zamenhof. La kunmetaĵo **libroj-rimedo** (sen streketo kaj ne apozicia) troviĝas en Rab. 16/6.

Jen estas kelke da vortoj kun streketo, kiuj tamen ne apartenas al la apozicia kategorio:

**facileco-malfacileco,** V. 578/23. **favo-infektito,** Lev. xiii. 33, 34; xxi. 20. **fono-kinematografaĵo,** V. 561/4. **komercaĵon-klerecon,** M. 74/10. **poŝto-telegrafo,** Esp. 1894, p. 146. **Svedo-Norvegujo,** F.K. 217/21; 218/16.

La esprimoj **Esperanto-Asocio, Esperanto-gazeto, Esperanto-klubo, Esperanto-Ligo,** k.s., ne estas konformaj al la Zamenhofa sistemo.

WILLIAM BAILEY
*(Direktoro de la Sekcio "Komuna Vortaro" de la Akademio Esperantista).*

L.R.=Lingvaj Respondoj (tria eldono). M.=Marta. V.=Originala Verkaro.

# The Esperanto Student

## ALBUMOJ

La malnova albumo kuŝas nun sur la breto en la ŝranko kun vitraj pordoj. Antaŭ kelkaj jaroj la maljuna avino montris la enhavon de tiu libro al ĉiu, kiu vizitis ŝin en ŝia domo apud la parko. Tamen nun, post la morto de la kara virino, ŝiaj infanoj, jam patroj kaj patrinoj, ne trovis intereson en tiu malnova libro. Ĝia velura bindaĵo montras klarajn signojn de granda aĝo kaj malatento.

Tamen kio efektive estas en tiu albumo? Nur malfermu la paĝojn kaj rigardu la fotografaĵojn.

Sur la unua paĝo estas fotografaĵo de la avino mem kun viro, la avo. Iliaj vestaĵoj kaŭzas ridojn nuntempe. Sur la dua paĝo estas bildo de la tuta familio: la avo staras malantaŭ la avino, iliaj sep infanoj staras aŭ sidas ĉirkaŭ la du maljunuloj. Denove la samaj malnovaj modoj. Sur la tria paĝo ni vidas la bildon de bela hundo, granda, gracia, forta kaj inteligenta. Larĝa rubando ĉirkaŭas lian kolon. Antaŭ longe li mortis.

Kaj tiel plu tra la tuta libro.

La epoko, kiam estis popularaj tiaj albumoj, jam ŝajne venis al fino. Malmultaj ili estas en la nunaj tagoj.

## POR -I and POR KE

When should POR be followed by the infinitive, when by the imperative? This will help you to understand.

When POR stands between two verbs, and the subject (doer) of the first verb is also the subject of the second verb, we use the infinitive:

*MI manĝas* **por** *viv***i**.
*LI iris* **por** *vid***i**.
*JOHANO foriris frue,* **por** *evit***i** *la patron.*
*MARIO kantas,* **por** *amuz***i** *sin.*

You can usually translate this with "in order **to**", or with "to" in that sense.

When the subject of the first verb is **not** the subject of the second, we use POR KE with the imperative:

*LI iris,* **por ke** *ŜI vid***u**.
*LI laboras,* **por ke** *liaj INFANOJ viv***u**.
*JOHANO foriris frue,* **por ke** *la FRATINO ne sci***u**.
*ALICIO kantas kviete,* **por ke** *la PATRINO ne aŭd***u**.

This can usually be translated with "in order **that** . . . shall" or "so that . . . shall (or should)".

## PECO POR PROGRESINTOJ

Kiom el vi povas sendi al mi tre elegantan kaj precizan tradukon de la ĉi-suba frazo? Notu bone, ke mi deziras frazon belan kaj fluan, ne nur tradukon de la entenata penso! Mi prenis ĝin el verko de John Cowper Powis: "Culture and Nature".

*No refining of one's taste in matters of art or literature, no sharpening of one's powers of insight in matters of science and psychology, can ever take the place of one's sensitiveness to the life of the earth.*

Jen estas la paragrafo, kiun mi prezentis en la lasta numero, sed sen la eraroj. Se vi provis trovi la erarojn kaj konservis kopion de via provo, komparu kun ĉi tio.

La du altaj viroj eliris el la domo en la ĝardenon, kaj tie komencis paroli. Unu el ili diris al la alia, "Mi intencas viziti miajn gepatrojn morgaŭ vespere. Ĉu vi deziras veni kun mi? Mi vizitos ilin je la oka horo, poste mi iros al la Esperantista kunveno. Tiu kunveno komenciĝos iom post la naŭa horo, kaj devus finiĝi antaŭ la deka kaj tridek. Pasintan semajnon S-ro Ekkri lekciis. La lekcio daŭris pli ol horon, kaj li finis sian paroladon tre malfrue. Ĉu vi deziras veni kun mi?" La kunulo respondis, ke lia fianĉino estas ankoraŭ malsana, kaj ke li volas ŝin viziti antaŭ ol iri al la Esperanta kunveno. "Tamen mi esperas, ke viaj gepatroj fartas bone", li diris, kaj sendis al ili siajn salutojn. Dum unu viro formarŝis tra la stratoj, la alia reiris en la domon.

Entute mi korektis minimume 42 erarojn. Kiom vi?

La provoj senditaj al mi ĉi tiun monaton estis pli bonaj ol iam antaŭe. S-ro W. Arnott sendis la plej bonan, sed L. A. Long proksime sekvis (Gratulojn al vi, S-ro F. C. Rudman).

P. E. DA GOGO

---

**"Komunikoj por la Gazetaro",** la bonega organo de Internacia Transportlaborista Federacio (nuna adreso: Crossland Fosse, Box End, Kempston, Beds., Anglujo) en sia Decembra numero donas i.a. tre interesajn informojn pri nuntempa Germanujo kaj pri Hitler.

**Esperanto-English Dictionary** (Edward A. Millidge)—We are informed by the publishers (Messrs. Ernest Benn, Ltd.) that the price of this book will be 10/6 as from 1st February, 1940.

# Our Bookshelf

**Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A. but from the address given. Postage extra.**

***Nia Mesmistero.**—*Angle verkita de W. Roche. Esperantigita de J. F. Smeehuijzen el Nederlanda traduko de O. Ruf.* 130 *pp., poŝformata, tole bindita,* 2*ŝ.* 6*p.*

Bela volumeto por helpi meditadon kaj preĝadon antaŭ kaj dum la meso. La teksto estas prezentita en formo de ritma prozo, kun linioj "rompitaj" por instigi al paŭzo kaj penso. Ekz.,

Tiom amis Di' la mondon,
ke li donis sian Filon unuunurnaskitan,
por ke ĉiu, lin kredanta,
ne pereu,
sed eternan vivon havu.

De religia vidpunkto oni povas diri, ke la verko ŝajnas tute taŭga por sia celo. Lingve ĝi estas ĝenerale bona. Traduko el traduko estas afero principe nekonsilinda: kiom la nuna verko suferis de la duobla traduko mi ne povas juĝi.

Interesaj esprimoj: *mia tuta mio* 13; *nia tuta nio* 75; *via vio mem* 71; *liaĵo* 28. *Imperiado via* 16; *stari genue* 25; *por la ĉiamo* 91; *milmilope* 101; *samkiel . . . samtiel* 121. *La praprofetoj* 49; *porsuferada rekompenco* 73; *instruo laŭlerneja* 6; *egoismo kaj havemo* 105. *Unui* (=*esti unu*) 54; *servisti* (=*esti servisto*) 77; *kvazaŭi* (=*esti kvazaŭ*) 112. *Malgraŭ ti', ĝuste pro ti'*, 75, 78.

Kritikeblaj estas *escepte vian Filon* (*krom via Filo*) 21; *de post kiam* (*de kiam*) 21; *hontas mi kaj doloregas* (*kun dolorego*) 31; *ne permesu* (*permesu*) *neniam, ke* 106; *por ke ni eblu* (*povu*) 32; *neeble* (*neniel*) *nombreblaj* 53; *mortebla* (*mortema, mortpova*) 114, 117. Nur unu grava eraro persistas tra la tuta verko: la uzo de *digna* (=*dignified*) anstataŭ *inda* (=*worthy*). Ekz., *Digna* (*Inda*) *estas vi* 60; *mi ne dignas* (*indas*) 31; *nedigna* (*neinda*) *servisto* 53. Detaloj facile korekteblaj en dua eldono.

**Paŝoj ĉe Pordegoj.**—*Bernardo Ojasono, Tallinn.* 22 *pp.*

Jen dua verko de S-ro Ojasono. Kiel la unua, ĝi estas verkita en dialekto propra al la aŭtoro, pro kio la signifo de la teksto estas malfacile aŭ tute ne divenebla; tiom pli, ke la verko mem estas poezia, kaj nur dua akto el dramo. Prezo kaj adreso mankas. Oni povas nur bedaŭri tian malŝparon de tempo kaj mono, kaj esperi, ke estontece nia Estona amiko donos al ni verkon en Esperanto, utilan kaj kompreneblan.

M. C. B.

**Levu la manojn!**—*Gaja komedio en tri aktoj, verkita de F. V. Dorno.* 80 *pp.* 5 *belgaj frankoj, ĉe F. Van Dooren, Langstraat* 40, *Bergerhout, Belgujo.*

En la lasta tempo ni ne ricevis multe da teatraĵetoj taŭgaj por grupludado, kaj la malnovaj rapide elĉerpiĝas. Plezure do ni bonvenigas ĉi tiun komedion, kiu verŝajne povus trafi bonan sukceson. Oni ĝin verkis por prezento ĉe kongreso de Flandraj Esperantistoj en Antverpeno en 1939, kaj tie ĝi ricevis bonan akcepton. La roluloj ne estas tro multaj (4 viroj, el kiuj du devas intersimili; 3 virinoj). La agado estas vigla, kaj en la tri aktoj troviĝas scenoj ridigaj kaj facile ludeblaj.

**Kurso de Esperanto por Bulgaroj.**—*A. D. Atanasov.* 112 *pp.* 20 *levoj. Ĉe la aŭtoro,* 48 *Gladstone-strato, Sofio, Bulgarujo.*

Ŝajne tre bona lernolibro, konsistanta el 25 lecionoj kaj vortlistoj kun Esperanta-Bulgara vortareto. La fakto, ke ĝi nun aperas en oka (kaj plibonigita) eldono—ĝis 40,000 ekz.—montras, ke ĝi respondas al sentata bezono. La aŭtoro estas pioniro de nia movado, fame konata (interalie) pro sia belega *Rememoroj de Esperantisto.*

**Albumo-Adresaro de Esperantistoj, 1939.**—48 *pp. Ĉe la redaktinto, Dimitr Ivanov, Strato N. Rilski* 80, *Ruse, Bulgarujo. Prezo* 3 *respondkuponoj.*

Nia Bulgara samideano kolektis portretojn de Esperantistoj diverslandaj, kaj eldonis ilin en la formo de interesa albumo. En ĝi ni trovas ankaŭ bildojn de Esperantaj grupoj, kursoj, monumentoj, k.s., kaj korespondan fakon kun adresoj el 15 landoj, tamen plejparte el Bulgarujo. Preso kaj aspekto agrablaj; sed tro oftas preseraroj. Ĝis kiu grado la adresoj estas fidindaj kaj aktualaj, ni ne povas kontroli; la Angla parto ne inspiras tre grandan konfidon tiurilate.

**Der Grossvater unserer Familie.**—12-*paĝa broŝureto kun* 14 *bildoj, eldonita de Internacionalo de Militrezistantoj,* 11 *Abbey Road, Enfield, Middlesex.*

La titolo estas Germana (kial?), sed la teksto estas Esperanta—simpla kaj kompreneble, sed kun tro multe da eraretoj. Ĝi priskribas laboron por diversnaciaj rifuĝintoj en kaj el diversaj landoj. Sur la titolpaĝo estas ĉarma bildo de George Lansbury kun tri knabinoj zorgataj de la Internacionalo (pro kio la titolo). Petu ekzempleron.

# The Zamenhof Family

With reference to the appeal sent out by U.E.A. for money to help the Zamenhof family in Poland, the Executive draws the attention of members to the fact that it is illegal under the Finance Regulations to send money to or for a country controlled by Germany. Further, as information received indicates that the Zamenhof family has been imprisoned, it is exceedingly unlikely that even if any money could be sent, it would be received by them.

It is understood from I.E.L. that certain steps are being taken in an attempt to change the situation. At the moment it is not possible to give details. Members will be informed of the position as soon as definite news is obtained.

**LAST-MOMENT NEWS. — From further information received, it seems likely that these efforts will meet with success, but if so very considerable sums will be required immediately. Members who can are asked to send donations for this purpose to I.E.L., Heronsgate, Rickmansworth. Should the money eventually not be required, these donations will be refunded.**

---

### THE SOCIETY OF BRITISH ESPERANTIST TEACHERS

La unua jarkunveno okazis la 6an de Januaro en Londono. Oni komencis posttagmeze per aferkunveno. La jara raporto montris, ke la Societo havas 97 anojn kaj malgrandan kreditsaldon. Dum la jaro la sekretario forsendis 330 poŝtaĵojn; okazis 5 komitatkunvenoj; oni interalie eldonis tri bultenojn, aperigis artikolojn en kvar edukaj gazetoj, kaj utile interrilatis kun aliaj fakaj organizaĵoj. La kunveno akceptis la jenan rezolucion:

Konstatante, ke nuntempe, pli ol iam antaŭe, reka tinterrilatado inter la popoloj de la mondo estas nepre bezonata, ĉi tiu kunveno de S.B.E.T. petas al la Ministro de Edukado, ke li bonvole atentu la pruvitajn avantaĝojn de Esperanto kiel studtemo en lernejoj, kaj ĝian apartan taŭgecon en la temaro de altgradaj popollernejoj (*Senior Schools*).

Prezidis S-ro Nowell Smith (iama estro de Sherborne School) kaj Russell Hamilton (estro de Hemsworth Grammar School), respektive Prezidantoj por 1939 kaj 1940.

F-ino White (Birmingham) malfermis diskuton pri taŭga vortprovizo por junaj komencantoj; kaj pri manuskripta lernolibro verkita laŭ ŝiaj principoj.

Vespere okazis festeno (kun Esperantista kelnero !), por festi la naskiĝtagon de la societo. Prof. Flugel (Universitata Kolegio, Londono substrekis la rilatojn inter la projekto de federa unuiĝo kaj la idealoj de Esperanto: li kredis, ke fine ambaŭ trovos akcepton. Lia magiista moŝto Vilĉo Verda lerte gajigis la vesperon. Saluton sendis TAGE kaj aliaj fakaj societoj.

Ni gratulas la Sekretarion (F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Rd., Bournville, Birmingham) pri la kreskanta sukceso de ŝia klopodado organizi la Esperantan instruistaron en Britujo.

### KRONIKO LOKA

**Aberdeen.**—"*The Gordonian*" (Dec.) enhavas 2½ paĝojn da Esperantaj notoj pri la interna ideo de Esperanto, la progreso de nia lingvo en Robert Gordon's College, kaj vizito de lernantoj al la Esperanta kunveno en Tervueren.

**Birmingham.**—Birmingham kaj District Club kunvenas de tempo al tempo (proksima kunveno: 2 Feb.); kaj okazas diversaj kursoj en privataj domoj.

**Bedford.**—Je 9 Dec., Zamenhofa Kristnaska Festo: kiel sekvon oni sendis £1 al la B.E.A. kaso. Bonege.

**Blackburn.**—L. kaj C. Konferenco, 3.30, je 3 Feb., en Emporium Kafejo. 2ŝ. 6p.

**Chesterfield.**—Je 1 Dec., prelegis S-ro H. Ingham antaŭ la Rotaria Klubo. Bona raporto en *Derbyshire Times*.

**London Club.**—Feb. 2, Danco (9p). 9, Literada konkurso. 16, Teatraĵoj. 23, Jarkunveno, 7.30.

**Scotland.**—Skota Federacio Esperantista. Delegitoj bonvole notu, ke la venonta kunsido okazos la 17an de Februaro en Edinburgo (ne en Bathgate kiel anoncite).

**Southport.** — Kursoj (Instruisto: J. Steele: *Elem.*, Technical College, Mornington Rd. *Supera* (W.E.A.), 47 Sefton St.

**Sudbury.** — Kurso en la Evening Institute, Sudbury School, Suffolk, vendrede, 6.30. Instruisto: E. F. Dean, F.C.I.S.

---

# SMALL ANNOUNCEMENTS—ANONCETOJ

**12 vortoj, 1 ŝil. (5 resp. kup.) Pluaj vortoj po 1p.**
*Teksto devas atingi nian oficejon, kun antaŭpago, antaŭ la 6a de la monato por la sekvonta numero.*

**1d. per word. Minimum 1/- per issue. Prepaid.**
*Copy must be received at our offices by the 6th of the month for insertion in the next issue.*

**The Standard English-Esperanto Dictionary** for students and users of Esperanto is "Fulcher and Long". It gives Esperanto translations of thirty thousand English words, and shows the constituent parts of compound Esperanto forms. Cloth bound, 350 pp. Published by E. Marlborough & Co., Ltd. Obtainable through any bookseller, or from the Office of *The British Esperantist*, price 7/6 (by post, 8/-).

**Britaj Esperantistaj soldatoj,** kiuj estas pretaj korespondi kun Francaj Esperantistaj soldatoj, bonvolu skribi al S-ro P. Petit, 34 Rue de Chabrol, Paris 10, France.

**Poŝtmarkoj-Stamps**—write for lists of British and other stamps. Prezlistoj senpage. W. M. Appleby (Del. I.E.L.), 47, Clarence Street, Cheltenham.

**La Fido en Praktiko,** de H. T. Hamblin. Lecionoj el la vivo de Georgo Muller el Bristol. Parto I, 32 paĝoj: 7p. (3 respondkuponoj) afrankite. Hipsley, 17 Abbot's Road, Birmingham 14.

**F-ino Jeanne Dedieu,** 23 rue Victor Hugo, Prades (Pyr. Or.) Francujo, volas ricevi nomojn de Anglaj batalantoj ĉe la Franca fronto, kiuj volas korespondadi kun Francaj militistoj kaj junulinoj. Ŝi ankaŭ bezonas aliajn korespondantojn, ne batalantajn.

# OFFICIAL NOTICES

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION *consists of Fellows, Members, Affiliated Groups, and Federations. The Annual Subscriptions are :— Fellows,* 21/– ; *Members,* 5/– ; *Junior Members (under* 18), 2/6 ; *Life Fellowship,* £12. 12s. 0d. ; *Life Membership,* £5. *(See prospectus).*

*President :* G. D. Buchanan, F.R.A.S.
*Hon. Secretary :* Bernard Long, B.A.
*Hon. Treasurer :* Arthur C. Oliver.
*Secretary :* R. B. Wilkinson.
*Propaganda Secretary :* M. C. Butler, M.R.S.T.

### NEW MEMBERS IN DECEMBER

**Ordinary Members—**

| | |
|---|---|
| Cheetham, E. | *Dewsbury.* |
| Cotton, W. M. | *Tonbridge.* |
| Eastgate, F-ino E. | *Birmingham.* |
| Hollands, E. J. | *London, S.W.*18. |
| Hyde, Pastro R. B. | *London, E.*14. |
| Lambert, H. | *Paisley.* |
| Lambert, J. L. | *Paisley.* |
| Mann, H. J. | *London, S.E.*9. |
| Over, F-ino D. M. | *Weston-super-Mare.* |
| Pugh, H. J. | *Bebington.* |
| Squires, H. J. | *Newfoundland.* |
| Stanhope, F. | *Mansfield Woodhouse.* |
| Tarbatt, A. | *Huddersfield.* |
| Unsworth, R. | *St. Helens.* |

**Junior Members—**

| | |
|---|---|
| Eldred, V. W. | *Sutton Coldfield.* |
| Evans, F-ino M. M. | *Barry.* |
| Foster, J. F. | *Desborough.* |
| Martin, L. A. | *Ely.* |
| Murray, R. J. K. | *Edinburgh.* |
| Williams, J. McL. | *Glasgow, S.W.*1. |

### DONATIONS TO B.E.A. DURING DEC., 1939

*General Funds.*—S-ino M. C. Gillett, £10 ; T. J. Gueritte, £3. 14s. ; S. A. Andrew, £1. 1s. ; Bradford Esperanto Society, R. F. Vaughan, J. Smith, £1 ; F-ino E. A. Sidebottom, 13/– ; S-ino K. Thomas, 12/6 ; L. W. Wright, 12/– ; F-ino F. Horncastle, 11/6 ; H. W. Southcombe, 8/– ; F-ino K. Homburg, 7/6 ; J. Hesketh, A. Catterall, W. K. R. Boulton, 7/– ; R. Redhead, 6/6 ; W. Kent, J. Lambert, F-ino M. Matthews, Sennoma, K. S. Smart, F-ino L. Staveley, F-ino J. Taylor, 5/– ; S. H. Larking, 4/8 ; S-ino E. Norris, 4/7 ; J., M. and M., F-ino F. Weidinger, 4/– ; S-ino M. Pyett, 3/6 ; C. D. Prentice, 3/4 ; N. H., R. H. Hamilton, F-ino M. Jay, A. G. Tucker, 2/6 ; S-ino E. M. Kendrick, F-ino C. Liversidge, C. W. Tubb, 2/– ; F-ino C. S. Bickell, S-ino E. M. de Montoro, F-ino F. Hanbury, J. H. Hargreaves, F-iño M. E. Harris, F-ino L. Iddon, B. McGrath, F-ino B. M. Savage, F-ino E. Weir, 1/–.

*Motor Car and Propaganda Fund.*—J. Macpherson, 1/1.

R. B. WILKINSON, *Secretary.*

---

### EDZIĜOJ

**Hayton-Knowles.**—Je 30 Okt., G. Markham Hayton, el Platt, Kent, al Christabel Knowles el Merton Park. Adreso : "Niton", Charlwood Lane, Horley, Surrey.

**Hyams-Reed.**—Je 27 Sept., nia pioniro Henry Hyams al Mabel Reed. Adreso : 22 Spencer Rd., Wandsworth, S.W.18.

### MORTO

**Haworth.**—Je 2 Dec., pro kormalsano, Ernest Haworth, el la grupo en Burnley.

# RADIO

### REGULAJ DISSENDOJ

**Dimanĉe**—9.15–9.30, Kortrijk 204 : *Informoj.* 16.15–16.30, W.H.K. Cleveland 215 : *Kurso.* 22.40–23.10, Hilversum 1875 kaj 414 : *Prelego aŭ informoj* (11 Feb., *La vivoleĝo ;* 25 Feb., *Grandukino Maria Adelheid*).

**Lunde**—20.45–21.15, Roma 2 RO 6 (19.61) kaj 2 RO 9 (31.02) eventuale ankaŭ Roma II (245) : *Politikaj informoj.* Post 22.00, Budapest I : 5-*minutaj informoj.*

**Marde**—0.30, Budapest HAT 4 (32.88) : *Informoj.* 1.0, Roma 2 RO 3 (31.15), 2 RO 4 (25.40), 2 RO 6 (19.61), IRF (30.52), IQY (25.70) : *Informoj por Nordameriko.* 21.00–21.10, Türi 410 kaj relajsoj : *Informoj.*

**Ĵaŭde**—Post 22.00, Budapest I : 5-*minutaj informoj.*

**Sabate**—0.30, Budapest HAT 4 : *Informoj.* 17.40–18.0, Roma II (245), IRF (30.52) kaj 2 RO 9 (31.02) : *Turisma kroniko.*

*Athlone :* Ni atendas programon. Notinda estis la belega prezento de Kristnaska Teatraĵo, okazinta la 19an de Decembro.

Pro la granda intereso montrita (en Novembro alvenis 81 korespondaĵoj el 20 landoj en unu semajno). Itala Radio plimultigis siajn brodkastojn en Esperanto.

Pri aliaj stacioj informo mankas.

---

"Given the universal teaching of an international language like Esperanto, and cheaper travelling facilities, there is no reason why a genuine spirit of friendship should not thrive among the nations." Nancy Macdonald, in *The Draughtsman,* Dec., 1939.

---

### DISERVO ESPERANTA

**Diservo en Esperanto** okazos en la preĝejo St. Ethelburga, 72 Bishopsgate, E.C.2, je 3.0, la 11an de Februaro. Parolas H. W. Holmes ; Solkantos S-ino Holmes ; orgenludos A. C. Oliver. Sekvos la tekunveno (1ŝ. 6p.) de la Duadimanĉa Rondo en la hotelo Gt. Eastern. Ĉiu bonvena.

---


# THE BRITISH ESPERANTIST

**Publishers (Eldonistoj) :**
THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION, INC.
HERONSGATE, RICKMANSWORTH, HERTS. *Tel. : Chorley Wood* 138
**Editor (Redaktisto) :** MONTAGU C. BUTLER, M.R.S.T.,
36 PENRHYN ROAD, KINGSTON-ON-THAMES, SURREY.
*Telephone : Kingston* 1484

RATES OF SUBSCRIPTION *(including postage to any part of the world)—Twelve months, 2/6. Single copies, Three Penny Stamps. (Free to B.E.A. members).*

ADVERTISEMENT RATES *will be quoted on application to the Secretary of the B.E.A.*

MANUSCRIPTS *should be typewritten, and addressed to* THE EDITOR. *The Editor does not hold himself responsible for loss or damage, nor does he undertake to return manuscripts unaccompanied by a stamped addressed envelope. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned. He reserves the right to refuse, correct, or shorten contributions received. Matter should be received by the 8th of the month.*

JARABONO : 3 svisaj frankoj. Unuopaj ekzempleroj : po 30 centimoj (aŭ unu respondkupono).